# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Kongresa numero 10-a jaro N-ro 3 (38) oktobro 2011



**Kovrilfoto: Tivoli-amuzparko（Foto: Robert Bogenschneider）**

NOVAĴO

## La 8-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj



fotis Robert Bogenschneider

1458 personoj el 66 landoj aliĝis al la 96-a UK okazinta inter la 23-a kaj 30-a de julio 2011 en Kopenhago en Danio. En la 26-a tago, mardo, 15:30-16:30, ĉirkaŭ dekoj da kongresanoj kolektiĝis en la salono "Neergaard" por la 8-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj.

La komisiito ne partoprenis en la UK, sed li speciale sendis salutvortojn al la kongreso kaj la kunveno. S-ro HORI Yasuo, eksa funkciulo de la projekto kaj estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj, anstataŭe prezidis la kunvenon. Li unue raportis pri la baza propono de la komisiito: aŭskulti proponojn pri la nova laborplano de la projekto kaj interŝanĝi spertojn. Surbaze de tiu oni raportis kaj diskutis.

Samideano loĝanta en la franca urbo Sarlat raportis pri la malfacileco trovi esperantistojn el sia ĝemelurbo. Li provis kontakti tieajn esperantistojn vane. Oni diskutis, ke tion kaŭzas ĝenerala malkresko de la movado, ĉar se Esperanto-movado estas juna kaj vigla, esperantistoj tuj reagas al tiaj proponoj. S-ino Zsofia KORODY kaj s-ro Peter ZILVAR el la germana urbo Herzberg, la Esperanto-urbo, per bildoj prezentis siajn agadojn kun sia ĝemelurbo Góra en Pollando.

S-ro Michael CWIK el Belgio informis pri kelkaj EU-projektoj, kiuj rilatas al Ĝemelaj Urboj, i.a. unu kiel respondo al la demando de s-ino Heidi GOES el la sama lando, kiu kelkjare ĵetas sin al Esperanto-instruado en Indonezio, kiel trovi ĝemelurbojn, kaj unu pri lingva amasadoro. S-ro Pieter ENGWIRDA el Nederlando plue substrekis gravecon pri kreiĝo de retejo de ĝemelaj urboj.

Kelkaj partoprenantoj,ekz. el Japanio kaj Nederlando, proponis, ke okaze de la UK en Vjetnamio oni havu ekspozicion pri ĝemelaj urboj de Hanojo por la publiko. Estis propono, ke ni havu pli multajn respondeculojn pri tiu fako, almenaŭ unu por unu kontinento. La movado de Ĝemelaj Urbo estas grava por Esperanto kaj por la monda amikiĝo, do ni klopodu plu por la prosperigo de tiu projekto. La kunveno finiĝis en interŝanĝo kaj diskuto.

Laŭ informoj el Hori Yasuo, Robert Bogenschneider kaj Pieter Engwirda

## Alvoko al urba partnereco

Interkultura Centro de Herzberg (ICH), oficiala partnero de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo por la Esperantorilata agado, alvokas al partnereco unuavice kulturinstituciojn kaj urbojn, kiuj - same kiel Herzberg - havas Esperanto-centron, muzeon, bibliotekon, arkivon, kie instruado, edukado por kaj per Esperanto havas tradicion kaj nuntempon. Surbaze de la ĝemelurbaj kontaktoj kun Góra en Pollando ni informos tutmondan Partnerurban Nodo-Teksaĵon (PUNTO) por kunlaboro, spertinterŝanĝo kaj estonta evoluo.

Ni alvokas ankaŭ al subteno de la nova Fondaĵo Esperanto-urbo per kiu kreiĝos financa

bazo por novaj projektoj.

Kune ni strebu realigi la deziron de la nepo de L.L. Zamenhof, d-ro Luis Zaleski-Zamenhof, kiu gratulis kaj bondeziris okaze de la 5-a jubileo: Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo estu la ĝermo por la estonta Esperanto-mondo!

Kontaku nin kaj ni parolu.

Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy
El n-ro 5 *Vikinga Voĉo* de la kongresa kuriero

## URBESTRO KAJ ESPERANTO



### Frank JENSEN，la Alta Protektanto de la Kongreso

Frank Jensen, kiu naskiĝis en la 28-a de majo 1961, estas Dana politikisto kaj membro de la Dana Socialdemokratia Partio. Li estis Ministro de Esplorado de la 27-a de septembro 1994 ĝis la 30-a de decembro 1996, kaj Ministro de Justico de la 30-a de decembro 1996 ĝis la 27-a novembro 2001. Ekde la 1-a de januaro 2010 li estas urbestro de Kopenhago. Li akceptis esti la Alta Protektanto de la 96-a UK.

### Saluto de la Esperanto-urbestro




Altestimataj Kongresaj Moŝtoj,
Sinjoro Prezidanto,
Karaj gekongresanoj,

Herzberg, la Esperanto-Urbo, kies urbestro mi havas la honoron esti, spirite partoprenas en la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en la bela Kopenhago kaj deziras, ke la Kongreso signu plian energian svingon por la progresigo de la internacia lingvo en la mondo.

Herzberg situas en la koro de Germanio kaj de Eŭropo, kaj ĝia nomo signifas "Kor-monto": pro tio, ĝia natura loko estas en la koro de ĉiuj amikoj de Esperanto, ĉie sur la terglobo. Reciproke, mi certigas vin, ke Esperanto ĉiam nestas en la koro de Herzberg, ne nur kiel abstrakta idealo, sed ĉefe kiel praktika ĉiutaga realaĵo.

Hodiaŭ Herzberg salutas vin, karaj gekongresanoj. En baldaŭa morgaŭo vi mem vizitu ĝin por propraokule kaj propraŝue konstati, kion la urbo konkrete faras por nia komuna lingvo.

Walter GERHARD
Urbestro de Herzberg am Harz -- la Esperanto-urbo (Germanio)
El n-ro 5 *Vikinga Voĉo* de la kongresa kuriero

## Akcepto de urbestro



En la 26-a tago, mardo, 18:30-20:30 okazis akcepto de urbestro kiel unu el la kongresaj tradiciaj programeroj en la la ĉefsalono de la urbodomo de Kopenhago, s-ino Pia Allerslev, urbestrino pri kulturo, akceptis la invititajn 300 kongresanojn. La akcepto estas solena kaj agrabla. Oni gustumis tipan danan dolĉaĵon, sed nur bedaŭris, ke la urbestrino faris paroladon ne en Esperanto, sed en la angla lingvo.

URBA STILO KAJ TRAJTO

## Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2010

### 1. Funkciuloj de la projekto

Dum la 95-a UK okazinta en Kubo naskiĝis la 7-persona nova estraro de UEA, sekvas la novaj funkciuloj de la projekto, t.e. Probal Dasgupta, Maritza Gutiérrez, Osmo Buller kaj Wu Guojiang.

La Strategia Laborplano de UEA 2011-2020 verkita de s-ro Probal DASGUPTA havas specialan mencion: La centra UEA, por subteni la utiligadon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj por interlokaj kontaktoj, kuraĝigu preleg-vojaĝojn kaj pli seriozan uzadon de ekzistantaj institucioj kiel la rilatoj inter ĝemelaj urboj kaj aliaj oficialaj aranĝoj de translima kunlaborado. Tio devas sufiĉe esprimi liajn seriozan konsideron kaj subtenon al la projekto.

S-ro Hori Yasuo partoprenis en Kunsido de Ĝemelaj Urboj okazinta dum la 6-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNOIMĈ) kaj prezidis la 7-an kunvenon de Ĝemelaj Urboj pro nepartopreno de la komisiito en la Havana Kongreso.

Antaŭ reveno de s-ino Maritza Gutiérrez al la nova estraro de UEA ŝi aktive traktis la leteron de la komisiito al la urbestro de Havano, kongresurbo de la 95-a UK. Post kiam ŝi komencis sian novan postenon, ŝi tuj konsideris la projekton Ĝemelaj Urboj kaj donas sufiĉan atenton al ĝi. En mesaĝo al la komisiito ŝi skribis tiel: kiel vi scias en tiu ĉi nova periodo kiam nova estraro de UEA komencas siajn laborojn, ni revizias la diversajn komisionojn kaj komisiitojn. Mi konas vian konstantan kaj plurjaran laboron kiel komisiito pri ĝemelaj urboj kaj volas scii vian pretecon kaj planojn por daŭrigi tiun ĉi laboron. Mi tre esperas ke dum la venontaj tri jaroj vi restu kun ni kaj esperas ke via respondo estu pozitiva tiel ke mi povos tion konfirmi en la estraro.

Kvankam s-ro Osmo BULLER, kiel direktoro de la CO, havas multajn laborojn, tamen li povas kapti tempon legi la bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj (IĜU) kaj donis aktivajn reagojn, ekz. li reagis al n-ro 34: Mi tre ŝatas ankaŭ vian omaĝon al nia komuna amiko Hori Jasuo pro lia agado kiel estrarano de UEA kaj precipe pro lia atento al la ĝemelurba agado.

Krom redaktado kaj dissendado de kvar numeroj de IĜU la komisiito plenumis verkon de la nova laborplano de la projekto kaj faris respondojn al diversaj priaj mesaĝoj. Li prezidis Kunsidon de Ĝemelaj Urboj dum la 6-a EKNOIMĈ.

S-ro Robert Bogenschneider loĝanta kaj laboranta en Finnlando estas ĉiam okupita, sed li

povis altkvalite kaj rapide plenumi provlegadon de IĜU, kaj donis proponojn al la nova laborplano. Krome li daŭre aperigas IĜU en la retejoj: http://www.gazetejo.org kaj http://gxemelurboj.wikispaces.com

**2. Reagoj al la projekto**

Pasintjare la komisiito ricevis 158 reagojn el 49 landoj, kiu ĉefe tuŝis kvin flankojn. t.e. nova laborplano de la projekto, metodoj pri interurba ĝemeliĝo, mankoj de oficialaj paperaj materialoj (speciale disdonaj por foiro kaj la kunveno dum la UK), kunlaboro kun ne esperantaj grupoj, solvoj pri informoj (ne sufiĉaj por libera utiligo)

IĜU ankaŭ estas elŝultebla ĉe la retejo http://www.internacia-gazetejo.org.

Estis ricevitaj la paperaj eldonaĵoj, Ĉinio: Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Mikrofone (Esperanto-redakcio de ĈRI) kaj Formoza Folio en Tajvano; Japanio: Nova Vojo; KAEM: Esperanto en Azio; Pollando: Bydgoszcz Esperanto-kontaktoj en la mondo, kaj la retaj, Brazilo:BEL informas, Informilo de Kultura Kooperativo, Komunikoj, Soteropolitano; Ĉinio: Verda Pekino; Francio: Informletero de Vinilkosmo; Germanio: Verda Informilo; Hungario: Nordhungaria Informo; Kongo: Konsciu, KomACE; Koreio: La Solidareco; UEA: Gazetaraj Komunikoj; Usono: Bulteno de la Esperanto-Societo de Ŝikago.

**3. Atingoj**

**Regionaj kaj lokaj Esperanto-organizaĵoj havas klaran kaj aktivan konsideron kaj agadon al la projekto.** Krom Kunveno de Ĝemelaj Urboj kiel unu el programeroj de la 95-a UK okazinta en Havana en Kubo, ankaŭ la 6-a Azia Kongreso de Esperanto (AK) kaj la 6-a EKNOIMĈ unuafoje havis la samajn oficialajn aranĝojn. Ĉi tie la projekto devas danki konsideron de s-ro LEE Jung-kee, siatempa prezidanto de KAEM, kaj de la organiza komitato de EKNOIMĈ por realigi tiun aranĝon, ankaŭ danki s-ron Nakatu Masanori el Japanio pro tio ke li sukcese prezidis tiun aranĝon dum la AK.

La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo en Japanio speciale invitis samideanon de la ĉina ĝemelurbo Xi'an de la kongresurbo Nara.

Koncerne la projekton Plano de Vjetnamia Esperanto-Asocio por 2010 klare elmontras akceli kontakton kun Val-de-Marne (Francio) por establi kontakton inter esperantistoj de Dong-Da-distrikto kaj Choisy-le-Roi. La Bavara Esperanto-Ligo (BELO) kaj la Baden-Virtemberga Esperanto-Ligo (BAVELO) en Germanio ellaboris komunan detalan givdplanon konsistan el tri partoj: Ĝeneralaĵo, Spertoj kaj Rezultato.

Okaze de ĝemeliĝo de la itala urbeto Bagolino kaj la franca urbeto Mozac. La Breŝa Esperanto-Grupo (BEG) en Italio kaj la Esperanto-Grupo de Clermont-Ferrand en Francio proponis al la respondeculoj de la du Komunumoj kaj de ties ĝemeliĝaj komitatoj okazigon de Esperanto-kursoj por pli facile faligi la lingvajn barojn inter la civitanoj de la du urbetoj, kaj do plie efektivigi la ĝemeliĝon. Eĉ okaze de la 10-jara datrevena festo de la ĝemeliĝo de Bagolino kun la germana Oettingen ankaŭ dum la ceremonio BEG proponis naskigi ĝemelajn E-kursojn por la ne-ĝemelurboj Mozac kaj Oettingen.

**Vizitoj inter esperantistoj aldonas specialan influon al la agado de ĝemelaj urboj.**

Renkontiĝis esperantistoj el Münster en Germanio kaj el Orleans en Francujo por festi la 50-an jubileon de ĝemeliĝo inter ambaŭ urboj. Esperantistoj en Nurenbergo en Germanio vizitis sian britan ĝemelurbon Glasgovo. S-ino Yoshiko Tōma, urbestrino de Tokorozawa kaj s-ro Wanatebe, vic-urbestro de Takatsuki en Japanio respektive akceptis Esperanto-delegacion el la ĉina ĝemelurbo Changzhou, i.a. s-ino Yoshiko parolis esperante en la bonveniga ceremonio. S-ro Harukuni EGAWA el la japana gubernio Wakayama, kiu ĝemeliĝas kun la provinco Shangdong en Ĉinio, ne nur ĉeestis al la 4-a Zaozhuang-a Esperanto-Festivalo, sed petite de la organizantoj de la 69-a Hispana Kongreso de Esperanto faris Video-prelegon pri japana Kumano-kodoo(budhisma pilgrimvojo) kiu havas ĝemelan rilaton kun la hispana Santiago de Kompostela (kristanisma pilgrimvojo).

**Gravaj homoj donas al la projekto grandan atenton kaj altan takson**. D-ro Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof esperis ke la projekto povu per Esperanto ĝemeligi urbojn malproksimajn kaj kontribui al proksimigo de iliaj loĝantoj. S-ro Germain Pirlot, la patro de la eŭro kaj kompilanto pri E-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altlernejoj, klare elmontris, ke li atente pripensis jenan sugeston de la komisiito, t.e. ĝemeligi superajn lernejojn kie estas E-kursoj, por plej diversaj celoj, ĉefe fakaj en la antaŭparolo de la 14-a kompilado aperinta en 2010. S-ro Li Shijun, membro de Akademio de Esperanto kaj ricevinto de la plej alta premio de la ĉina traduka rondo, Dumviva Honora Premio de la Ĉina Tradukista Asocio, nur elektis la kunsidon de Ĝemelaj Urboj dum la 6-a Esperanto-Kongreso de Ĉina Nordoriento kaj Interna Mongolio, kaj poste speciale verkis artikolon por la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj.

**Oni plie konsideras la rolon kaj influon de la projekto kaj la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj.** Sub la helpo de la projekto esperantistoj en la ĝemelurboj Toowoomba (Aŭstralio) kaj Takatsuki (Japanio) kiuj interrompiĝis kelkaj jaroj denove havas kontakton reciprokan. S-ino Heidi Goes el Belgio turnis sian peton al la projekto por sia vojaĝa Esperanto-instruado kaj rezultado en Indonezio.

## Konsideroj al laborplano por 2012

(a) listigi la projekton en la jarlibro de UEA.
(b) prepari eldonaĵon por festi la 10-a jariĝon de la projekto kaj la 125-jariĝon de Esperanto en la praktiko.
(c) okazigi ekspozicion dum la 97-a UK.
(ĉ) Proponi kaj Aldoni sub-komisiitojn de kontinentoj por altigi laborefikon de la projekto
(d) daŭre serĉi kaj kolekti historiajn materialojn pri Esperanto kaj agado de ĝemelaj urboj.
(e) krei retejon de la projekto kadre de UEA?

## La Letero de la komisiito al la urbestro de Kopenhago

La 7-a de junio 2011

Estimata sinjoro Frank Jensen, urbestro de Kopenhago,

Mi unue en nomo de esperantisto esprimas miajn noblajn salutojn al vi kaj Kopenhago,

granda urbo givdata de vi.

Kvankam mi venas el Ĉinio, tamen mi bone konas vian landon kaj la ĉefurbon Kopenhago, ĉar kiam mi estis lernanto de elementa lernejo, mi pli frue legis pri ili tra la lernolibro, ekz. la fabelo “La knabineto kun la alumetoj” de Hans Christian Andersen, mondkonata verkisto kaj poeto ankaŭ el via lando.

Temante pri Esperanto oni ĉiam donas altajn laŭdon kaj takson al Kopenhago, ĉar ĝis nun ĝia Esperanto-movado havas 103-jaran gloran historion depost fondiĝo de la plej frua Esperanto-organizaĵo la Konversacia Esperanto-Klubo (KEK). Tie okazis kelkaj gravaj Esperanto-aranĝoj, ekz. ĝi trifoje gastigis Universalan Kongreson de Esperanto (UK). En la venonta julio ĝi gastigos la 96-an UK. Tio sufiĉe montras rolon kaj kontribuon de Kopenhago al Esperanto.

Ĉi tie mi volas mencii agadon de ĝemelaj urboj. Vi bone konas ĝin, mi pensas, ĉar Kopenhago havas similajn urbojn nomatajn partneraj urboj. UEA starigis en 2002 la projekton “Ĝemelaj Urboj”, kiu celas aplikon de Esperanto kaj interŝanĝon inter ĝemelaj urboj. Post tio dum ĉiu UK-o okazas kunveno pri tiu temo. Kelkaj ekzemploj pruvas, ke Esperanto kaj ĝia UK povas ludi rolon por akceli amikecon kaj kunlaboron inter urboj.

Kopenhago havas partnerajn urbojn en Francio, Ĉeĥio, Islando kaj Germanio, kaj esperantistoj aŭ Esperanto-grupoj estas en tiuj urboj.

Se vi povas informi pri tiu ĉi UK la urbestrojn de viaj partneraj urboj kaj inviti ilin al la kongreso, eĉ speciale konsideri tiujn esperantistojn el tiuj urboj dum akcepto de urbestro, unu el programoj de la UK-o, tio estos signifa ne nur al Esperanto, sed ankaŭ al profundigo de amikeco kaj interŝanĝo inter partneraj urboj. Mi estos tre danka se vi povas konsideri miajn ideojn. Kvankam mi ne povas persone partopreni en la kongreso kaj propraokule vidi la belan Kopenhagon pro objektivaj kialoj, tamen en mia koro mi havas bonajn dezirojn:

Feliĉon al vi.

Prosperon al Kopenhago.

Sukceson al la kongreso.

(Pro malfrua alveno tiu ĉi letero ne povis esti ĝustatempe transsendita al la urbestro, sed la komisiito ankoraŭ dankas s-inon Ileana SCHRØDER, prezidantino de Dana Esperanto-Asocio por siaj aktiva reago kaj penado, ŝi ankaŭ prezentis aliajn informojn pri la kongreso.)

## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLES, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de

## Pri la nova laborplano de la projekto

Laŭ proponoj de esperantistoj mi komencis verki la novan laborplanon en novembro 2010 kaj finis ĝian provan tekston en la 14-a de februaro 2011, kaj dissendis la tekston al esperantistoj, inkluzive de la nunaj kaj eksaj funkciuloj, kune kun n-ro 35 kaj n-ro 36 Informilo de Ĝemelaj Urboj por varbi proponojn. En la pasintaj monatoj krom s-ro Robert Bogenschneider, provleganto de IĜU, kaj s-ro Pieter Engwirda el Nederlando, mi ne ricevis reagojn el aliaj samideanoj. Mi ne scias, ĉu la nova plano estas taŭga por gvidi agadon de ĝemelaj urboj en Esperantujo, sed sufiĉas se oni opinias ke iagrade ĝi estu utila. Certe mi regule plibonigos kaj kompletigos ĝin laŭ proponoj de esperantistoj. Nun mi oficiale publikigas tiun ĉi planon tra la bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj. La teksto konsistas el enkonduko, ĝeneralaĵoj, enhavo de laboroj, klarigo kaj referencaĵoj. Ĉi tie mi kore dankas s-ron Robert kaj s-ron Pieter.

La komisiito

## Laborplano de la projekto Ĝemelaj Urboj

### Enkonduko

Ĝenerale ĝemelaj urboj estas agado parigi urbojn aŭ urbetojn en- kaj eksterlandajn, kiuj ne havas rilatojn je tereno kaj politiko, celante interŝanĝon inter civitanoj aŭ kulturoj. Plue inter ĝemelaj urboj ofte okazas interŝanĝo kaj kunlaboro je diversaj kampoj, ekz. ekonomio, scienco kaj tekniko, kulturo kaj tiel plu, kiuj celas antaŭenpuŝi prosperon kaj progreson de socio, kaj protekti pacon de la mondo. En la nuna mondo tia parigo okazas ne nur inter urboj, sed inter pligrandskalaj aŭ malpligrandskalaj regionoj, ekz. inter provincoj aŭ vilaĝoj.

UEA rimarkas la pont-rolon de Esperanto en la agado de Ĝemelaj Urboj kaj starigis la projekton Ĝemelaj Urboj en februaro de 2002 kaj estas okaziginta la kunvenon pri tiu temo ekde la 89-a UK en 2004 en Pekino, Ĉinio. La Strategia Laborplano de UEA 2011-2020 havas specialan mencion: La centra UEA, por subteni la utiligadon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj por interlokaj kontaktoj, kuraĝigu preleg-vojaĝojn kaj pli seriozan uzadon de ekzistantaj institucioj kiel la rilatoj inter ĝemelaj urboj kaj aliaj oficialaj aranĝoj de translima kunlaborado.

La projekto estas gvidata de funkciuloj konsistaj el la prezidanto, estrarano pri landa kaj regiona agado, ĝenerala direktoro de la Asocio kaj komisiito, i.a la komisiito speciale respondecas pri ĝi kaj aliaj tri funkciuloj konkrete gvidas ĝin. Krome ĝi havas retan trimonatan bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj.

### Ĝeneralaĵoj

En 2002 estis ellaborita laborplano laŭ la Strategia Laborplano de UEA 2001-2010, kaj fine aperis ĝia koncizo, sed post kelkjara provo oni trovas aŭ opinias, ke tiu plano ne estu bona, almenaŭ nekompleta, precipe en la kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la 94-a UK

okazinta en 2009 en Bjalistoko en Pollando, la kunvenintoj rekte elmontris la mankojn de la plano, i.a. tiu plano estas nefacile komprenebla. Por sufiĉe elmontri kaj pruvi aktivan kaj efikan rolon de Esperanto en tiu ĉi tereno estas re-ellaborita nova laborplano de la projekto respekte al la proponoj aŭ opinioj de la vasta esperantistaro.

* Celoj de la projekto estas disvastigi kaj apliki Esperanton en ĝemelurboj, kaj per Esperanto fortigi kunlaboron de ĝemelurboj kaj akceli ĝemeliĝon inter urboj.

* La bazaj taskoj de la projekto servas al Esperanto kaj agadoj rilataj al ĝemelaj urboj.

*Ajna ĝemeliĝa aktiveco inter sociaj grupoj (ekz. religio-organizaĵo) aŭ institucioj (ekz. lernejoj) estas konsiderata en la projekto.

* Gvida ideo de la projekto estas tri "P", nome proponado, partoprenado kaj praktikado, konkrete la projekto alvokas kaj kuraĝigas esperantistojn kaj Esperanto-organizaĵojn aktive doni proponojn al ĝia evoluo, partopreni en ĝiaj diversaj aktivecoj kaj praktiki ĝiajn celojn kaj taskojn.

## Enhavo de laboroj

### 1. Disvastigo, uzado kaj komunikado

Disvastigo kaj uzado de Esperanto estas eterna temo de respondeco kaj devo por ĉiu esperantisto. La projekto plie substrekas tiun ĉi temon. Esperantistoj loĝantaj aŭ vivantaj en urboj kuraĝe elmontras esperantistecon kaj la ekziston de Esperanto-organizaĵoj al lokaj publiko kaj instancoj, aktive partoprenas en lokaj diversaj sociaj utilaj aktivecoj en nomoj de esperantistoj aŭ la Esperanto-organizaĵoj, laŭeble starigas kontaktojn kun koncernaj departementoj de la lokaj registaroj, kaj pene vekas ilian atenton al Esperanto per efika laboro. Por tion realigi la projekto havas jenajn petojn kaj esperon:

* Propagandi Esperanton kaj instigi pli multajn homojn lerni ĝin kaj aliĝi al ĝia organizaĵo UEA (Universala Esperanto-Asocio) por grandigi la Esperanto-komunumon.

* Organizi Esperanto-instruadon kaj produkti multajn elitojn por garantii fonton kaj daŭropovon de loka Esperanto-movado.

* Okazigi por levi prestiĝon de Esperanto en lokoj kaj faciligi ligon kun socio, diversajn aktivecojn tra kiuj oni rekte kaj propraokule vidas viglecon de la movado kaj havas certan komprenon al Esperanto, ekz. verki artikolojn pri Esperanto en lokaj gazetaroj kaj pri la urboj en Esperanto-gazetoj, okazigi ekspoziciojn, starigi retejojn aŭ hejmpaĝojn ktp.

### 2. Starigo de serva platformo

Iasignife la ĉeftasko de la projekto estas servo, nome servi al aŭtoritatoj kaj instancoj de urboj, precipe ĝemelurboj, servi al esperantistoj, servi al la Esperanto-movado, konkrete servi al informado, instruado kaj uzado de Esperanto. Espereble per tiaj servoj la projekto kiel aliaj aliĝintaj fakaj asocioj ankaŭ povas elstarigi kaj profundigi internacian influon de UEA, ludi certan kaj aktivan rolon en internaciaj aferoj. Por havi bonan servon nesesas starigi bonan platformon.

* Por servi al la urbodomoj esperantistoj aŭ la Esperanto-organizaĵoj devas laŭeble krei

kondiĉojn por komunikiĝi kun la urbaj aŭtoritatoj, kaj teni bonan kontakton kaj rilaton kun ili.

* La rolo de interreto devas esti alte taksata por la platformo.

a) UEA aldonas spacon pri la projekto en sia retejo. Landaj kaj lokaj asocioj establas rubrikojn en siaj retejoj/hejmpaĝoj pri tiu agado.

b) Konsiderate estas utiligi listojn ĉe diversaj retejoj kiel lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com

* Diversaj gazetoj laŭkondiĉe establas regulajn aŭ neregulajn rubrikojn pri tiu kampo.

* UEA kaj aliaj asocioj starigas kaj kompletigas informo-stokojn por realigi komunan partoprenon de datumoj.

* Esperantistoj devas aktive serĉi kaj kontakti samideanojn en propraj ĝemelurboj, kaj teni tian kontakton longa kaj stabila, tio estas grave por servi al la agado de ĝemelaj urboj.

* La landaj kaj lokaj asocioj elektas kaj proponas specialan personon respondeci pri ĉi tiu afero se eble.

## 3. Necesaj kaj signifaj preparoj por interurba ĝemeliĝo

Interurba ĝemeliĝo estas rilative facile pere de rekta kontakto inter registaroj, sed ŝajne nefacile pere de kontakto inter esperantistoj, ĉar multaj esperantistoj ne laboras en registaroj kiel gravaj oficistoj (ekz. urbestro), ili ne havas tian supraĵon. Tamen per Esperanto por interurba ĝemeliĝo preparoj estu instigaj kaj konsiderindaj. Tial la projekto proponas al esperantistoj aŭ la asocioj:

* Realigi ĝemeliĝon inter la Esperanto-organizaĵoj de la urboj kiel Takatsuki en Japanio kaj Changzhou en Ĉinio, ne konsiderante ĉu la urboj ĝemeliĝis aŭ ne.

* Iniciati ĝemelajn rilatojn en propra urbo, indas mencii ĝemeliĝon inter diversaj lernejoj (precipe universitatoj, kolegioj, institutoj ktp), kiuj enkondukas Esperanton[1].

* Iniciateme helpi ĝemeliĝon inter neesperantaj grupoj per rilato de Esperanto.

* Lerni kiel komunikiĝi kun la urbaj aŭtoritatoj, ekz. ĉiujare la lokaj asocioj persiste sendi al ili kompletan laboran raporton, instige kaj alvoke mencii la agadon de ĝemelaj urboj en ĝi.

## 4. Kunlaboro por celoj de la projekto

Kiel oni bone scias, interurba ĝemeliĝo mem estas kunlaboro kiu koncernas multajn kampojn, sed ne pura ligo inter registaroj. La projekto bezonas kunlaboron. Ĝi devas inkluzivi kaj internan kaj eksteran kunlaborojn, t.e. kunlaboro en kadro de Esperantujo kaj kunlaboro ekster Esperantujo kun ne-esperantaj sociaj grupoj, precipe tiuj grupoj kies laboroj tuŝas tiun kampon. Ĝojinde nemalmultaj esperantistoj ankaŭ aktivas en tiuj grupoj. Por tio la projekto havas jenajn proponojn kaj alvokojn.

**--Enkadre de Esperantujo**

* Esperantistoj prezentu al la funkciuloj sociajn grupojn enlandajn kaj internaciajn, kiuj agadas en tiu kampo, kaj helpu la projekton starigi ligon kaj kontakton kun ili se eble.

* Esperantistoj komuniku al la funkciuloj informojn pri propraj urboj, ekz. urbonomon kaj historion, ĉu ili havas ĝemelurbojn. Se jes, kio estas iliaj nomoj, ĉu ili jam establis kontaktojn inter la esperantistoj; Se ne, ĉu estas ĝemelaj rilatoj inter aliaj institucioj kaj sociaj grupoj.
* Esperantistoj ellernu krei eblecojn partopreni en ellaborado kaj praktikado de la plano por evoluo de ĝemelaj urboj por ke Esperanto povu fariĝi pont-lingvo aŭ bezonata lingvo kiel la germana urbo Herzberg, la Esperanto-urbo, kaj sia ĝemelurbo Góra en Pollando.
* Esperantistoj kaj la asocioj proponu al la urbaj aŭtoritatoj konsideri ĝemeliĝon kun tiuj urboj, kiuj havas Esperantajn kontakton kaj interŝanĝon kun si mem, ekz. Knittelfeld en Aŭstrio kaj Kameoka en Japanio. La propono devas elmontri bazon, necesecon kaj gravecon de ĝemeliĝo, precipe rezultojn atingitajn tra Esperanto ĉe ambaŭ flankoj surbaze de la sufiĉa interŝanĝo kaj kunlaboro.
* Esperantistoj kaj la asocioj proponu al la urbaj aŭtoritatoj konsideri aldonon de la Esperanto-versio al interkonsento aŭ deklaracio de interurba ĝemeliĝo.
* Fakaj asocioj aliĝintaj al UEA peru ricevitajn koncernajn informojn al la funkciuloj de la projekto.
* Esperantistoj prezentu la projekton al aliaj ne-esperantaj grupoj en kiuj ili aktivas, kaj iniciatis kunlaboron kun ili.
* Esperantistoj ofte informu pri diversaj aktivadoj samideanojn aŭ la Esperanto-organizaĵojn (se ili ja ekzistas) en propraj ĝemelaj urboj.
* Kiam du urboj nove ĝemeliĝas aŭ datreveno de ĝemeliĝo de du urboj venas, esperantistoj en la du urboj sciigu tion unu al alia kaj festu tion per diversaj metodoj kaj formoj, ekz. reciproke sendu gratulajn leterojn al la urbestroj en nomoj de esperantistoj aŭ de la Esperanto-organizaĵoj, samtempe funkciigu la Esperanto-kursojn, partoprenu en aliaflankaj festoj, ktp.

**--Ekster Esperantujo**

* UEA aktive priatentas tiujn Esperanto-agadojn kaj planojn, kiuj konsideras valoron kaj rolon de la projekto, kaj subtenas ilin per diversaj metodoj.
* UEA ĉiam preparas kontakton kaj kunlaboron kun landaj kaj internaciaj neesperantaj grupoj aŭ institucioj, kiuj okupas sin pri la sama laboro aŭ konsideras la projekton kiel la plano "Ŝanĝurboj" (transition town en la angla lingvo[3]) por pritrakti la klimatan ŝanĝiĝon kaj la organizaĵon "la Mondcivitanoj[4]", kaj invitas ilin komune praktiki la projekton kaj kuraĝigas ilin partopreni en gravaj Esperanto-aranĝoj, ekz. UK, kaj sendas delegitojn al iliaj aktivadoj, ekz. jara konferenco.
* UEA fortigas ligon kun tiuj urbaj aŭtoritatoj, kiuj subtenis/as Esperanton kaj kontribuis/as al ĝia evoluo, kaj laŭeble krei favorajn kondiĉojn por altigi iliajn profilojn. Porekzemple viziti UEA kaj UK estas tiucele konsiderinda:
a) instigi la kongresurbon inviti la urbestrojn (aŭ iliajn reprezentantojn) de siaj ĝemelaj urboj al la kongreso, okazigi specialan ekspozicion pri la kongresurbo kaj siaj ĝemelaj urboj en la centra kongresejo, kaj konduki la gravajn Esperanto-gazetarojn al ĝi kaj aktive raporti

ĝin.

b) inviti la urbojn en kiuj okazis UK-oj aŭ organiziĝis gravaj Esperanto-aranĝoj kaj sendi la oficistojn (urbestrojn aŭ iliajn reprezentantojn) al la kongreso. Menciendas, ke la UK entute okazis en 31 landoj[5], kaj kongresurboj jam atingis 67, i.a. nemalmultaj el ili gastigis la UK-on dufoje aŭ trifoje, eĉ kvarfoje, sendube tio estas bona vojo por akceli komunikadon inter UEA kaj urboj, kaj inter UEA kaj registaroj kaj altigi profilojn de urboj kaj UEA.

c) konsideri intencon kaj deziron de aliaj urboj okazigi diversajn prezentojn koncerne siajn evoluon kaj konstruadon dum Esperanto-aranĝoj kiel la UK, sproni diversajn asociojn povi havi la saman konsideron.

* UEA instigas aliajn Esperanto-aranĝojn enkonduki tiun ĉi temon, ekz. kontinenta kongreso, landa kongreso, loka kongreso ktp.

## 5. Plua kompletigo de organizaĵo kaj influo-vastigo

* Estas konsiderota por faciligi eksteran kunlaboron kompletigi la organizaĵon se necese. Ekz. starigi laborkomitaton anstataŭ la nunaj funkciuloj, ĉi tie unu konsiderinda propono estas aldoni subkomisiitojn en Afriko, Ameriko, Azio, Eŭropo kaj Oceanio.

* La projekto konsideros starigon de membro-sistemo.

* Por altigi prestiĝon de UEA kaj vastigi influon de la projekto en neregistaraj organizaĵoj estos konsiderata okazigi kunvenon/konferencon de Ĝemelaj Urboj ekster UK kiam kondiĉoj maturiĝas.

* Esperantistoj, kiuj rekte ricevas kaj legas la bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiel eble plej pene atingos ĉirkaŭ 3000 de la nuna pli ol 2100, i.a. vastigi “merkaton” de legantoj estos precipe konsiderata en Afriko, arabaj landoj, kaj tiuj landoj en kiuj la Esperanto-movado estas neforta. Laŭbezone la bulteno aperos samtempe rete kaj papere, kaj estos espereble legebla en plimultaj landaj kaj lokaj bibliotekoj.

* Por studado kaj uzado de posteuloj la projekto daŭros kolekti ajnan informon kaj materialon pri uzado de Esperanto en la agado de Ĝemelaj Urboj, ekz. kiom da priaj raportoj kaj artikoloj en la revuo Esperanto kun historio de pli ol cent jaroj? Kiu estas la unua raporto aŭ artikolo? Kaj en konvena tempo estos konsiderata aperigi eldonaĵon pri tiu historio.

## 6. Donacoj

Laŭ evoluo kaj bezono la projekto konsideros kaj akceptos donacojn el esperantistoj, Esperanto-grupoj kaj aliaj organizaĵoj kiuj subtenas aplikadon de Esperanto en la agado de ĝemelaj urboj. Por tio la projekto konsideros establon de konto ĉe UEA kaj akceptos kontroladon de esperantistoj. Donacoj estos ĉefe uzataj en tri flankoj:

• Eldono de publikaĵoj

• Organizado de aktivadoj

• Kunlaboro kun neesperantaj grupoj, ekz. komune lanĉi kampanjon por akceli divers-nivelan ĝemeliĝon, ĉeesti al internaciaj aranĝoj koncerne tiun kampon kaj tiel plu.

## Klarigo

Tiu ĉi laborplano estis verkita de s-ro Wu Guojiang, reviziita de s-ro Probal Dasgupta (Hinda Unio), s-ino Maritza Gutiérrez Gonzáles (Kubo), s-ro Osmo Buller (Finnlando), s-ro Renato Corsetti (Italio), s-ino Michela Lipari (Italio), s-ro Trevor Steele (Aŭstralio) kaj s-ro Hori Yasuo (Japanio) kaj provlegita de s-ro Robert Bogenschneider (Finnlando).

## Referencaĵoj


1. Laŭ la 14-a eldono de s-ro Germain Pirlot pri E-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altlernejoj, ĝis la fino de 2009 entute 56 universitatoj kaj altlernejoj en 21 landoj enkondukis Esperanton kiel studobjekton.
2. http://esperanto-urbo.de
3. http://en.wikipedia.org/wiki/Transition_Towns
4. http://www.recim.org
5. Laŭ Jarlibro 2010 la 10-a UK ne okazis. La urbo Zagreb dufoje gastigis UK-ojn, ĝi apartenis al la eksa Jugoslavio por la 38-a UK, kaj jam apartenas al Kroatio por la 86-a UK.